# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO VII, SOFIA — BULGARIO
JULIO—SEPTEMBRO 1964, № 3

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## ĈIUFLANKAJ SUKCESOJ DE LA ESPERANTO-MOVADO TUTMONDA KAJ DE TEĴA

Interesa, interesega lando. Tereno plata, grandparte sub la marnivelo. Lagoj, kanaloj, verdaj herbejoj, muelejoj, belaj, pitoreskaj kaj malnovaj, mezepokaj urboj, urbetoj kaj vilaĝoj. Dunoj kaj digoj, digoj grandaj kaj longaj, kreaĵo de jarcentaj obstinaj bataloj de la laborema nederlanda popolo.

Tiuj lando kaj popolo gastigis la 49-an Universalan Kongreson de Esperanto. La kongreso estis multnombra: aliĝis iom pli ol 2500 esperantistoj el 43 landoj de ĉiuj kontinentoj. Ĉiuj aranĝoj kaj renkontoj, ĉiuj programeroj estis bone organizitaj kaj fruktodonaj.

Inter la multaj aktivecoj bone pasis ankaŭ la ĝenerala fakkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Antaŭ la kunveno la ĉeestantaj en Hago gvidantoj de TEĴA Olav Thormodsen — prezidanto, Ivan Esperov—vicprezidanto kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto", Dino Fabris—sekretario-kasisto, Zlata Flego el Zagreb, Karen Salmose el Stokholmo renkontiĝis kaj kunsidis por priparoli kaj prepari la jarkunvenon.

La kunveno okazis la 4-an de aŭgusto, post la 13-a horo en ĉambro Privat. Kompreneble la ĉeestantaro ne estis tiel multnombra, kiel pasintjare en Sofia. Dum nia haga kunveno dudeko da teĵanoj estis devigataj partopreni gravan kunsidon de la komitato de UEA.

La fakkunvenon de TEĴA malfermis la prezidanto Thormodsen per konvenaj bonvenigaj salutparoloj. Poste li donis la parolon al s-anoj Dino Fabris—sekretario-kasisto kaj al Ivan Keremidĉiev-Esperov—vicprezidanto kaj redaktoro, kiuj raportis pri la organiza kaj financa stato de nia asocio. Laŭ la raportoj la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio daŭrigas sian vojon al stabiligo kaj plifortigo. Al la asocio aliĝis pluraj aliaj A- kaj B-membroj. Kiel manko en nia laboro oni menciis la neregulan pagadon de la membrokotizo, la mankon de informoj pri multaj membroj kaj grupoj en iuj landoj.

La kulmino de nia ĝisnuna agado estis la pasintjara ĝenerala kunveno de TEĴA en Sofia dum la 48-a Universala Kongreso de Esperanto, kiam ĉeestis ĉirkaŭ 100 ĵurnalistoj. Tiam ni prenis gravajn decidojn kaj kompletigis la estraron. Dum ĉiuj pasintaj niaj fakkunvenoj oni bone traktis diversajn problemojn de nia organiza kaj kulturprofesia laboro, de la interĵurnalista kunlaborado. Nia ĵurnalista laboro estas treege grava kultura kaj socia afero. Sed la ligoj inter niaj kolegoj ankoraŭ ne estas fortaj kiel necese, ilia kunlaborado—ne kontentiga. Ni devas organizi bone tiun kunlaboradon.

Estas bone, ke pluraj niaj kolegoj samtempe kunlaboras al la Informa Fako de UEA, al ĝia Gazetara Servo. Tiu Gazetara Servo estas ankaŭ grava kaj ni devas konsideri ĝin kiel parton de

de nia ĵurnalista afero. Ĝi tre bone helpas nin kaj ni estas devigataj subteni la Informan Fakon.

Nia organo „Internacia-Ĵurnalisto" ĝis nun aperis en 600 ekzempleroj. Sed tiu kvanto jam estas nesufiĉa kaj la lastaj n-roj (1 kaj 2) aperis en 700 ekz. La redaktoro obstine batalas por ĝia bona redaktado. La nombro de la pagintaj sian membrokotizon teĵanoj kaj abonantoj-neĵurnalistoj jam estas proksimume 260. La organo klopodas instigi la interĵurnalistan kunlaboradon, starigi antaŭ ili la plej gravajn problemojn de nia kultura, organiza kaj profesia agado. Ĝi ofte montras sur siaj paĝoj bonajn ekzemplojn de laboro de iuj niaj kolegoj.

Post la sofia jarkunveno la estraro de TEĴA planis kaj distribuis inter si la laboron. Bonan aktivecon montris kelkaj estraranoj. En la raportoj estis menciita la nomo de s-ano N. F. Danovskij, kiu varbas novajn membrojn, kolektas membrokotizojn kaj regule kunlaboras al „Int.Ĵ-sto". Sed en la laboro de la estraro ekzistas ankaŭ mankoj. Iuj estraranoj ankoraŭ ne aktiviĝas. Certe ili estas okupitaj per gravaj siaj profesiaj aŭ aliaj okupoj. Sed tio ne praviĝas ilin. Estonte ili devas aktiviĝi.

En Pollando estas kelkdekoj da membroj de TEĴA-almenaŭ surpaperaj, la plimulto el kiuj neniam pagas membrokotizon, sed regule ricevas „Int. Ĵ-ston". En la sama stato estas la afero ankaŭ en Jugoslavio. Proksimume 170 kolegoj entute ĝis nun regule ricevadis nian organon ne paginte membrokotizon (aŭ almenaŭ abonkotizon). Ĉirkaŭ 100 ekz. de „I. Ĵ." estas ekspedataj interŝanĝe, pluraj aliaj—al diversaj UEA-estraranoj kaj neesperantistaj institucioj. Lastatempe pagas tamen abonkotizojn multaj esperantistoj-neĵurnaljstoj. Kaj la eldonkvanto de 600-eĉ 700 ekz. jam ne sufiĉas. Tial la redakcio de „I. Ĵ." komencis forstreki la adresojn de tiuj membroj (abonantoj), kiuj ne pagas regule sian membrokotizon (abonkotizon). La redaktoro proponis al la fakkunveno aprobi tiun linion de forstreko de ĉiuj adresoj kaj ne sendi plu la organon al la nepagantoj.

Tiu forstreko estas kunligita ankaŭ kun nia celo revizii la membroliston de TEĴA kaj forstreki la adresojn de ĉiuj neregulaj kiuj ne deziras pagi sian membrokotizon. Tio plifortigos nian organizaĵon. Ĉiu alia organizaĵo havas regulan membraron. Sen pagi la membrokotizon oni rajtas membri al nenia organizaĵo.

Alia starigita demando estis tiu pri la reprezentantoj de TEĴA. Iuj el ili ankoraŭ ne montras la necesan viglecon. Menciitaj estas ankaŭ la taskoj de TEĴA konekse kun la jaro de la internacia kunlaborado.

La jarkunveno aprobis la raportojn kaj la proponojn de la estraro de TEĴA por la estonta asocia agado. En la diskutoj partoprenis Ada Fighiera-Sikorska (Bruselo), Zlata Flego—Zagreb, Haim Levi—Sofia k. a.

Post la kunveno pli ol 15 ĵurnalistoj vizitis la ĵurnalistan klubon de Hago, kie oni amike interparolis kun iuj el la klubestraranoj. Post tio oni gastis al la redakcio de la plej granda urba gazeto, vizitinte la redakciajn ĉambrojn, maŝinojn, aparatojn, kaj la presejon.

## Rezolucio
### de la 49-a Universala Kongreso de Esperanto en Hago

Donante plenan apogon al la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj progresigi la kunlaboradon inter la popoloj kun la celo dispeli internaciajn tensiojn kaj firmigi la mondan pacon; sed profunde konvinkitaj, ke la lingvodiverseco prezentas unu el la plej gravaj obstakloj al plua intensigo kaj vastigo de internacia kooperado sur ĉiuj niveloj; prenante en konsideron la Rezolucion de la 10-a de decembro 1954, per kiu la Ĝenerala Konferenco de Unesko rekonis „ la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la mondo".

La 49-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Hago de la 1—8-a de aŭgusto 1964, kiun partoprenis pli ol 2 500 reprezentantoj el 43 landoj de ĉiuj kontinentoj, proponas, ke Unuiĝintaj Nacioj solvu la lingvan problemon per efektiva kaj efika helpo al disvastigo de la neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto, rekomendante ankaŭ al la Ŝtatoj-Membroj progresigi ĝian instruadon kaj stimuli ĝian uzon en la internaciaj rilatoj de la popoloj.

Eŭgeno Grekov

# RIDETO

**(Neelpensita rakonto)**

*Malantaŭ la fenestroj flugas folioj. Citron-flavaj, skarlate-ruĝaj aŭtunaj folioj. Ili malrapide-malrapide flugas ie desupre, rekte de la ĉielo. Ili flugas facile balanciĝante, frapetante per siaj akraj randoj la malvarman fenestrovitron.*

Aŭtuno... aŭtuno, kiu aŭtuno laŭ la *vico? La trideka?* Ja, tio estas tro malmulte. Sed povas esti, ke vi estas la lasta? Ne, ne! Ne eble! Aŭtuno, vi ne devas esti la lasta!

La virino ĝemante leviĝis sur la lito. Sur la plankon glitas la blanka lankovrilo kaj la varmiga botelo.

En la koridoro susuras malpezaj paŝoj. Ili proksimiĝas, proksimiĝas kvazaŭ ili venas de granda malproksimo. Mallaŭte grincas la pordo.

— Pro kio vi faras tion, Nadenka? Ne necesas, kuŝu! Oni malpermesas al vi. Sergej Semjonoviĉ koleros.

Sergej Semjonoviĉ estas profesoro. Li havas grizajn kolerajn brovojn similajn al blankaj tufoj kaj sentemajn molajn fingrojn. Dikaj okulvitroj kaŝas la lacajn, atentajn kaj bonajn okulojn. La profesoro ne havas liberan tempon, li havas multe da malfacilaj kaj maltrankvilaj aferoj. Oni ne devas kolerigi lin. Nadenjka senforte mallevas la ŝultrojn. Oni atente metas ŝin sur la kusenon. Kaj denove malantaŭ la fenestro folioj, sekaj kaj belaj...

Nadenka estas tre malsana jam longan tempon, kaj kiel oni parolas tie, en la distrikta malsanulejo, senespere. Sed, Sergej Semjonoviĉ ambiciiĝis kaj oni *transportis ŝin ĉi tien. Ŝi jam* delonge kuŝas tie ĉi, ĉirkaŭ tri monatojn. La profesoro ĉiutage vizitas ŝin. Poste li longe sidas en sia kabineto kaj pensas streĉe, pensas metinte la vizaĝon sur la interplektitajn fingrojn.

— Ne, ne... Estas frue — li parolas al si mem.

Frue... Sed, samtempe oni ne plu povas atendi.

Li vokas la kuraciston, kiu *prizorgas ŝin.*

— Vi komprenas — la profesoro hake frapas sur la tablon per la manplato, — ke ne ne povas prokrasti la operacion! Tio minacas per katastrofo, per morto. Kio premas ŝian animon, kio? En tiu stato oni ne povas meti ŝin sur la operacian tablon. Kio deprimas ŝin?

— Ĉu vi ne scias, Sergej Semjonoviĉ? La infanoj, ŝiaj infanoj.

— Mi scias — la profesoro lace sin apogas sur la dorson de la brakseĝo. — Mi scias...

Certe, li scias, bonege scias ĉion. Li parolas tiel, simple pro sento de senpovo.

Nadenka havas du filinojn — Ljusja kaj Milka. La unua estas sepjara, la alia — okjara. Kiam ŝi forveturis, ili restis hejme solaj. La Patro? La patro estis malproksime. Li interesiĝas pri neniu kaj delonge zorgas pri nenio. Li pensas nur pri si mem.

— Viaj knabinetoj loĝas en lerneja pensiono, ili bone lernas, jen estas la listo de iliaj ekzamennotoj. Rigardu — nur plej bonaj notoj. Ili havas ĉion, ne maltrankviliĝu pri ili — parolis al Nadenka la kuracistoj. — Ĉu vi volas, ni legos al vi ilian lastan leteron!

Ŝi prenis per siaj malvarmaj *manoj la paperfoliojn de lerneja* kajero, skribitajn per grandaj, al ĉiuj flankoj falantaj, literoj.

— Mi ŝatus vidi ilin...

— Kion fari, Sergej Semjonoviĉ — demandas la kuracisto.

— Oni devas venigi la infanojn. Nur tio plibonigos la humoron de la malsanulino.

— La distanco estas longa sepcent kilometrojn, krom tio la vojoj en la aŭtuno estas malbonaj — memorigas la alia kuracisto, premante la cigaredon en la fingroj.

— Tutegale, ni devas alveturigi la infanojn, ĉar tio estas la sola rimedo.

La profesoro ekstaras, proksimiĝas al la fenestro kaj longe rigardas la senfoliiĝantan aŭtunan ĝardenon.

— Oni ne devas venigi la infanojn — mallaŭte li diras. Ŝi devas konvinkiĝi ne pri tio, ke la infanoj estas vivaj kaj sanaj, sed pri tio, ke ili bone kaj ĝoje vivas. Ĉu vi komprenas, ŝi bezonas scii, ke ili vivas bone, tiel bone, kiel en la tempo, kiam ili estis ĉe ŝi. Sed ni ne povas veturigi tien ĉi la tutan internulejon.

— Sergej Semjonoviĉ — enrigardas tra la pordo la deĵoranta hospitalflegistino — pri vi demandas ĵurnalisto. Vi fiksis al li...

— Jes, jes, — tedate respondis la profesoro. — Invitu lin!

La ĵurnalisto estis juna kaj gaja homo. Ordinara korespondanto de gazeto kun notbloko en la manoj kaj fotoaparato sur la kolo.

— La intervjuo antaŭ la festotago, profesoro — li diris rapide. — Bonvolu rakonti pri viaj kreadaj planoj, pri viaj pensoj kaj bondeziroj por la legantoj de nia ĵurnalo.

Sergej Semjonoviĉ sulkigis la frunton. Li tute ne volis doni intervjuon. Kaj ĝenerale tiu ĉi senhara diable ruĝvanga kaj sanega vizaĝo de la ĵurnalisto incitis lin. Li nevole rememoris la palajn palpebrojn de Nadenka, ŝian malenergian sensangan pro *la injektoj pikitan korpon kaj* mallaŭtan interrompiĝantan voĉon.

— La filinetoj... kiel fartas tie miaj filinetoj?...

Ĉe tiu ĉi junulo ĉio estas en ordo. Li bezonas intervjuon. Li ricevos ĝin kaj rapidos malsupren sur la ŝtuparo gaje fajfetante. Rapide, trans tri stupoj sur la ŝtuparo, en la freŝan aeron, pli malproksimen de tiu ĉi pura konstruaĵo kun ĝia malgaja silento.

La profesoro tamen donis intervjuon, kaj ĉe la fino diris:

— Mi scipovas operacii malsanulojn. Vi scipovas skribi artikolojn kaj raportaĵojn. Sed diru al mi, kiu povas trankviligi morte malsanan virinon, por kiu nun la animtrankvileco signifas vivon?

(daŭrigota)

## AMATINO HAJDUTA

(Bulgara popolkanto)

Roso
Roseto, edzino,
kie vi frue alvenis
sur tiu rosa herbejo,
ke estas rosaj la baskoj
kaj kotoplenaj babuŝoj?

Mi venis, ĉar mi komprenis
ke mia amant' malsanas
sur supro, supro balkana,
sur talpa mola monteto —
herbejo — lia litaĵo,
marmora ŝtono — kuseno,
malhela nubo — kovrilo,
kaj sekabsinto — ombreto.

Tradukis: St. Kiraĝiev

## Ricevitaj esperantaĵoj

— **Meteoro** — teatraĵo en 3 aktoj de Peter Karvaŝ, tradukis Vladimir Gazda. Libreto 60-paĝa. Eldonis: DELIZA, Bratislava, 1963.

— **Nederlando** — granda 104-paĝa libro-prospekto pri la lando de 49-a Universala Kongreso de E. La fotoj —dr K. Scherer, la tekstoj — J. Romijn. Eldonis A. W. Bruna Ĉ Zoon, Utrecht.

— **Siklós** — ilustrita prospekto en Esp. pri la urbo Siklós. Oni petu ĝin de: Meguei Idegenforgalmi Hivatal, Pécs, Széchényi tér 9, Hungario.

— **La Vulpo** — ilustrita broŝuro — fabelo, Eldonis Ĉina E.-Ligo.

— **La kvin fratoj** — popola rakonto, ilustrita libreto. Eldonis Ĉ. E. L.

— **Aŝma** — bindita 82-paĝa, ilustrita bela fabelo—rakonto en versoj. Eldonis Ĉ. E. Ligo.

— **Kronach** — germanlingva prospekto pri la mezepoka germana urbo Kronach, kun traduko en Esperanto.

## LA GAZETARO KAJ ESPERANTO EN HUNGARIO

Nia membro, s-ino Erzsébet Kiss, redaktas regule la 5 minutajn priesperantajn sciigojn de la hungara radio, kiujn oni disaŭdigas unufoje en ĉiu monato.

Alia membro s-ro A. Pölöskey aperigis artikolojn pri E. en la uzina gazeto de la granda fabriko ORION kaj tradukon el Esperanto pri Nov-Zelando.

En ĵurnalo *Magyar Nemzet* aperis artikolo scienca pri la tradukmaŝinoj. Poste aperis sinsekve kompletigaj artikoletoj rilate la utilan uzon de Esperanto de s-ano Balkányi, de profesoroj I. Botos kaj D-ro I. Szerdahelyi. *Grava literatura revuo* aperigis seriozan artikolon pri E. de la juna s-ano I. Benczik. La hungara monata revuo de la Demokrata Mondjunulara Federacio „Világ Ifjuságа" aperigis tre bonan artikolon pri la E. movado.

La semajna revuo „Magyarország" aperigis artikolon pri lingvolernado, menciante Esperanton, en la sekvanta aperis trafaj respondoj de P. Balkányi, D-ro M. Bánó kaj D-ro L. Györy-Nagy.

*Membroj de T. E. Ĵ. A., senprokraste pagu vian membrokotizon por 1964! Malavare subtenu la fondaĵon „Internacia Ĵurnalisto"! Anoncu viajn korektajn adresojn al la redakcio de „I. Ĵ"!*





La danĝera serpento ludas ĉe la fajfado de la majstro en regiono de Madras. El „W e l t  u n d  R e i s e n", Zürich, Svislando-revuo riĉe ilustrita pri turismo, ĉefredaktoro Dr. Hj. Unger, membro de TEĴA.

---

## „Tutmonda Press-foto"

En Hago, Nederlando, estis organizita de la Nederlanda Jurnalista Societo ekspozicio „Tutmonda Press-Foto". En la ekspozicio estis prezentitaj 2157 fotoj el 54 landoj.

Lamaldekstra foto prezentas: „**Politika malliberulo-jurnalisto-malantaŭ la pikadrata naro**". Aŭtoro A. Halifac (Ganao).

## BULGARIO

### Kunveno de ĵurnalistoj en urbo Pleven

En la kadroj de la 36-a Kongreso de la bulgaraj **esperantistoj**, *okazinta dum julio* j. k. en urbo Pleven, aparte kunvenis ankaŭ la Ĵurnalista Sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio, en kiu estas organizitaj ĉiuljbulgaraj teĵanoj. Pro foresto de Ivan Esperov-prez danto de la sekcio (li forvojaĝis al Nederlando) gvidis kaj raportis antaŭ la kunveno s-ano Donĉo Hitrov, estrarano de la sekcio.

Pridiskutitaj estis multaj gravaj taskoj de la bulgaraj ĵurnalistoj-esperantistoj: kunlaborado al la bulgara gazetaro kun priesperantaj informoj kaj materialoj, kunlaborado al la eksterlanda esp. kaj ne esperantista gazetaro, plivigligo de la kunlaborado kun eksterlandaj membroj de TEĴA ktp.

T. Estr.

### Kunveno de la ĵurnalista grupo esperantista en Plovdiv

Konforme kun la decidoj de la ĵurnalista kunveno dum la *kongreso de Bulgara E-Asocio en* Pleven, la ĵurnalista grupo en Plovdiv kunvenis, pridiskutis siajn ĝisnunan agadon, organizan staton kaj estontan laboron. La kunveno unuanime elektis s-anon Ivan Mateev Ŝivarov (str. Mali Bogdan 8, Plovdiv), kiel sekretarion de la plovdiva teĵa-grupo kaj reprezentanton *en la sekcia estraro — Sofia.*

Baldaŭ okazos alia kunveno de la plovdivaj teĵanoj por akcepti detalan laborplanon de la grupo por 1965.

Iv. Bat.

## SOVET-UNIO

### Senĉesa laboro

En la granda soveta lando la esperantistoj (inkluzive la ĵurnalistojn) aktiviĝas. Multaj teĵanoj regule kontribuas al la gazetaro, propagandas nian aferon. Nun *estas en preparo la E. lernolibro de Seriŝeva kaj la* vortaro de prof. Bokarjov. Iuj teĵanoj jam komencis pagi sian membrokotizon.

La unuan de novembro **en la kulturdomo de** medicinistoj en Moskva estis organizita speciala vespero je memoro de la forpasinta verkisto kaj teĵano Ivan Sergeev.

## IVAN SERGEEV

Ĉiuj kolegoj memoras liajn salutvortojn, adresitajn al la ĝenerala fakkunveno de TEĴA en Sofia pasintjare: „Certe la disvastigo kaj la plivigligo de nia laboro dependas de ni ĉiuj kaj pro tio ni ĉiuj devas pli bone uzi la diversajn eblecojn, kiujn donas al ni nia kara lingvo Esperanto."

En la fino de sia salutletero Ivan Sergeev skribis „Treege bedaŭrante, ke pro mia sanstato mi ne povas partopreni en *via laboro* dum la 48-a Kongreso, mi esperas estontjare renkontiĝi kun vi sub la ĉielo de Nederlando".

Bedaŭrinde, pro la malbona sanstato Ivan Sergeev ne povis efektivigi sian esperon partopreni ankaŭ nian fakkunvenon en Hago ĉi jare. *Male, al la redakcio de „Internacia* Ĵurnalisto" venis la funebra sciigo de nia estrarano N. F. Danovskij el Moskva, ke la fama soveta verkisto, fervora esperantisto kaj teĵano Ivan Sergeev mortis la 10-an de septembro 1964.

Ivan Vladimiroviĉ ne plu vivas! Li naskiĝis en 1903 en Lugansk en Doneck-regiono. En Doneck li estis unu el la iniciantinoj de la tie fama esperantista klubo „Verda Lanterno". Sia literatura agado kiel verkisto li komencis ankoraŭ en Doneck kaj lin konis la grandaj sovetaj verkistoj M. Gorkij kaj Brjusov.

S-ano Sergeev estis aŭtoro de la lasta Esperanta lernolibro „Fundamentoj de Esperanto". Li verkis plurajn librojn kiel „Lando de Trezoroj", „Vivo de Ivan Krilov", „Mistero de geografiaj nomoj". Restis nefinita lia romano „V. Eroŝenko".

La mortinto vizitis antaŭ kelkaj jaroj Sofion. En hotelo „Balkan" li renkontiĝis kun la redaktoroj de „Bulgario"—As. Grigorov kaj de „Int. Ĵurnalisto" — Iv. Esperov. Ambaŭ bulgaraj ĵurnalistoj neniam forgesos la interesan interparolon kun la soveta verkisto kaj esperantisto.

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" esprimas kun kordoloro siajn kondolencojn al la familio de Iv. Sergeev kaj al liaj sovetaj amikoj kaj kolegoj.

„Internacia Ĵurnalisto"

## ATENTON! GRAVA SCIIGO! PROVIZORA ADRESO DE „I. Ĵ.".

**Pro tio ke la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" trapasos kelkajn monatojn for de sia patrolando — en la Malgranda Azio, li petas ĉiujn siajn korespondantojn kaj la kunlaborantojn de la organo ĝis la 15-a de marto 1965 jaro sendi siajn leterojn kaj kontribuaĵojn al la jena provizora adreso: s-ino Viza Avramova, str. Bal. Schemtof, blok 14 (por Iv. Esperov) Jafo, Israel.**

# ŜTATA KOTONTEKSA KOMBINUMO „VASIL KOLAROV" — URBO GABROVO

Produktas kotonfadenojn karditajn, kotonfadenojn diversspecajn, koton ŝtofojn kaj teksaĵojn, diversspecajn sortimentojn por ĉemizoj zefiraj, „Pelikan", „Vihren", ŝtofojn por infanaj kaj virinaj noktoĉemizoj, ŝtofon „Lili", unukolorajn kaj buntajndj dekoraciajnŝtofojn manstampitajn, kaptukojn tirolajn, rikoltistajn, tikon -70, teksaĵojn por la medicina industrio, kalikoton -80 kaj 90 k. a.

La teksaĵojn de la komercentrepreno serĉu en ĉiuj magazenoj en la lando.

Granda parto de la produktovaroj estas destinitaj por eksporto.

Telefona centrejo: 21-11

Direktoro: 25-23

# Ŝtata kudrista entreprenejo „Madara“

# en urbo

# Kolarovgrad

**Produktas bonkvalitajn kotonvestaĵojn — virinrobojn kaj virĉemizojn por eksporto kaj por la enlanda merkato.**

**Varia sortimento de modeloj. Eleganta modlinio. Bonkvalita kaj preciza laboro.**

**Serĉu la preferindajn robojn kaj ĉemizojn kun fabrikmarko „MADARA“.**

**Telefonoj : Direktoro — 15-90**
**Komercservo — 33-80**
**Ĉefkontisto 24-13**

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, Bulv. Hr. Botev 98, Ŝofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*